# Aŭstraliaj Esperantistoj

**Novaĵa Letero** de **Federacio de Aŭstraliaj Esperantistoj**
NI SENDAS AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KUN KONATA RETADRESO

auto 19/02/2012 Tridekunua Eldono 2012 19/02/2012 SENDITA

Tiu ĉi letero havas "hiperligiloj" al retpaĝoj KLAKU! KLAKU! KLAKU!

Sendu novaĵojn, leterojn, informojn al Roger rspring@tpg.com.au; kaj kopiojn al Ivan ivan@melburno.org.au;

La Informa kaj noma paĝoj nur aperos je la dekaj kaj dekkvinaj eldonoj



## SEKELJ, Tibor. 1912-1988.

Jugoslaviano; juristo, ĵurnalisto. Esperantisto de 1929

En 1912 naskigxis Tibor Sekelj, do antaŭ 100 jaroj. Li estis vere miriga esperantisto. Liaj libroj estis tradukitaj en multaj lingvoj. Unu japana traduko eĉ estis eldonita en 300,000 ekzempleroj. Spektu 40 minutan filmeton pri la vivo kaj verkoj de Tibor Sekelj ĉe: http://vimeo.com/36402930

Amike, Nicole Else nicole@cryogenic.net

## ROGER PRAVAS - kaj ni ne forgesu 28/9 ĝis 1/10/2012

Kiam, antaŭ unu monato, mi unuafoje aŭdis, ke la AEA-kongreso (28/9 ĝis 1/10/2012) okazos en George William Hotel, mi ne povis trovi la adreson de tiu hotelo, ĉar neniu hotelo de tiu nomo estis listigita. La flavaj paĝoj de la brisbana telefonlibro tamen anoncis ke ja ekzistas George William**s** Hotel en George St, Brisbane.
Kiel anoncis Roger en AE030, oni povas nun gugli tiun adreson se oni enmetas nur "George William Brisbane". Mi kontrolis, kaj trovis, ke jes, oni povas nun havi la adreson de George William**s** Hotel, Brisbane, se oni enmetas "George William Hotel" eĉ sen mencii Brisbane! Do, ni povos ĉiuj trovi la lokon, kaj ni esperu, ke multege ĉeestos tie la AEA-kongreson. Estis agrable trovi pli ol 60 ĉeestantoj en la jubilea kongreso en Adelajdo en 2011. Max Wearing mwearing@internode.on.net

Atendu! Retmeŝaĝo 13/02 de Diano informas ke la George Williams Hotel eble estus tro multkosta por la AEA kongreso. Ŝi demandas pri alternativoj. Atendu!

Oni diras ke AEA planas Lingvan Festivalon anstataŭ Someran Lernejon januaro 2013? Kion vi opinias? Scias? Skribu al ni. (Esperante)

Sendu 'oni diras' informon. Sekretoj apartigus nin.

## Somerlernejoj??

Mi opinias ke la Esperantistoj jam voĉdonis per la piedoj kontraŭ somerlernejoj ĉe Aŭstralio.

**Kion vi opinias?** Sendu al Roger Springer rspring@tpg.com.aŭ

Kara Roger,

Jes mi volas esprimi opinion pri tio. Mi kredas, ke pravas Margaret Chaldicott pri la kialo por la piedvoĉdonado kontraŭ somerlernejo 2012. Ŝi skribis: "La somerkuraro de 2012 fiaskis pro nesufiĉo da informo pri instruistoj, loko, dato ktp." Mi aldonus, ke tiu malmulta informo ekaperis treege tro malfrue. Ne mankis partoprenantoj de somerkursaroj antaŭ la diana epoko. Eĉ tiu de Igor kaj Tim allogis pli ol 60 homoj - multaj el ili de aliaj landoj. Pro ilia kursaro ni gajnis eĉ Dmitri, bona E-varbanto (ekzemple per Meetups).

. Max Wearing mwearing@internode.on.net



Jonathan Cooper, kiu jam de 20 jaroj laboras en la Artgalerio de Novsudkimrujo, prelegos en Esperanto pri "Moderna arto: kio ĝi estas kaj de kie ĝi venis?"

La prelego okazos en la Esperanto domo de Sidnejo sabaton la 26an de majo je la dua horo posttagmeze.

Do bonvolu jam nun enskribi tiun daton en vian kalendaron, taglibron aŭ poŝtelefonon. Mi kunsendas foton.

Amike, Nicole Nicole Else nicole@cryogenic.net



**BONVOLU GRATULI AL RICHARD DELAMORE, AEA ESTRARANO, KIU FIANĈIGXIS ANTAŬ KELKAJ TAGOJ KUN KRISTY XU.**

Mi kopiis la Facebook bildon.

Amike, Nicole Else nicole@cryogenic.net

Sendu Esperantan Novaĵon. Multon okazas sed neniu informas

Mi trovas la du kolumnan paĝon estas malfacila iri de la unua ĝis la dua kolumno kiam vi rulas la paĝon je la ekrano. Mi ŝanĝas la formaton por helpu la . komputilan legadon de nia novaĵletero. Roger Springer rspring@tpg.com.au

## Kion faris la AEA estraro en 2011?

Nicole Else nicole@cryogenic.net

Hodiaŭ mi devas danki al Dianne Lukes pro la fakto ke ŝi finfine donis al mi multegajn informojn pri tio kio okazis ene de la AEA estraro pasintjare. La 12an de februaro Dianne sendis mesaĝon al multaj esperantistoj pri ideo organizi lingvan festivalon en Sidnejo. Ĉe la subo de ŝia mesaĝo estis ligo al la reto

http://esperanto.org.au/mailman/listinfo/estraro2_esperanto.org.au

Do mi klakis sur tiun ligon kaj alvenis al paĝo kie estas skribite proksime de la supro:

*To see the collection of prior postings to the list, visit the* Estraro2 Archives

Do mi klakis sur Archives kaj mi havis surprizon. Tie legeblas malnovaj mesaĝoj de la estraranoj, legeblaj tute publike sen bezono entajpi pasvorton aŭ ion similan.

Nu legi tiujn mesaĝojn estis tre instruplena. Vi ĉiuj supozeble memoras, ke antaŭ kelkaj jaroj esperantistoj kiel Marcel Leereveld, Franciska Toubale ne rajtis resti membroj de AEA, kelkaj pliaj estis eksigitaj por 6 monatoj. Sed ni ĉiuj pensis, ke la tempo de la eksigoj estas nun finita.

Mi surpriziĝis kiam mi legis en la mesaĝoj de la arkivo de AEA, ke esperantisto (eĉ estrarano) ricevis la postulon pardonpeti aŭ esti eksigita el AEA. Kiun ili volus eksigi? Ŝajne la solan estraranon kiu zorgas pri la ĝusteco de la AEA raportoj: Kam Lee. Kam atentigis pri kelkaj problemoj en la raporto verkita de Carol Brands pri la strategia kunveno de AEA en Melburno en februaro 2011. Sed laŭ Diano rimarkigi pri eraroj estas esprimi dubojn pri la kompetenteco de la verkanto, do tute ne akceptebla konduto.

Carol ŝajne estas persono kiu ja facile ofendiĝas kaj ŝi eĉ faris formalan plendon pri la konduto de Kam. En la arkivoj vi ja trovos la mesaĝon de Kam al Carol kaj multajn komentojn pri la problemo. Do bonvolu mem legi por povi mem juĝi. Kam Lee ja pretis pardonpeti, sed tamen lia vortumo ne plaĉis al la estraranoj kaj do ŝajne la estraro perdis ege multe da tempo pro tiu afero.

En la raporto Carol skribis "AEA Funding committed for 2011 Mondeto Project amounts to $13,000". Unuavide oni povus pensi ke estis tajperaro en la cifero, sed ne, la problemo

estis ke AEA ankoraŭ ne voĉdonis pri tio, nur post la kunveno la decido estis farita kaj tiam ŝajne efektive la estraranoj akceptis elspezi $13,000 por la projekto de Penny Vos. Strange ke AEA havas multe da mono kiam temas pri tiu projekto kaj preskaŭ ne havas monon por aliaj projektoj kaj eĉ devis nuligi la ĉi-jaran somerkursaron por ne riski perdi kelkajn dolarojn kvankam la NSK Esperanto federacio pretis helpi AEA donante senpagan kursejon kaj senpagan tranoktejon por la partoprenantoj.

Por mi tiu incidento bone montras la sintenon de la estraro. Personaj amikecoj gravas al ili multe pli ol la bono de la organizo. La fakto ke Penny estas persona amikino de Diano laŭ mi kreas konflikton de interesoj. Objektivaj decidoj ne estas faritaj, plej gravas helpi amikinon. Kaj pli gravis kontentigi Carol ol la bono de AEA.

Mi esperas, ke Dianne decidos demisii. Eble tiam ni povos ree havi organizon kiu allogos ĉiujn aŭstraliajn esperantistojn, en kiu justeco regos.

Cetere en junio 2011 Dianne forte plendis ke iu estrarano plusendis unu el ŝiaj mesaĝoj al ne-estrarano. "Such behaviour is acting in a manner prejudicial to the interests of the Association and could lead to termination of membership." Mi devas konfesi ke post lego de la severaj vortoj de Diano mi devis ridi kiam mi legis ke Diano mem kulpis pri tio. Ŝi mem sendis sian mesaĝon al ne-estrarano.

Kaj nun ŝi sendas ligon al la arkivoj al multaj ne-estraranoj. Ĉu ni devus eksigi ŝin? Nu tia eraro povas okazi, tamen ĝi ja estas iom ĝena por la personoj kiuj kredis, ke nur estraranoj povus legi la mesaĝojn, la arkivoj ja entenas ne nur mesaĝojn de estraranoj, sed ankaŭ de aliaj personoj kiel Penny Vos kaj Hazel Green kiuj skribis al la estraro interalie....pri mi! Sed aliaj agoj de Diano laŭ mi ne estas tiom pardoneblaj. Fakte la eraro de Diano estos eble tre bona por AEA ĉar ŝi eble demisios kaj ni havos ree multe pli bonan estraron. Laŭ mi estraro devus ne havi sekretojn kaj multe informi la membrojn pri tio kio okazas kaj kompreneble estrarano devas povi rimarkigi erarojn en raporto sen timo esti eksigita. Nu, ni vidu tion kio okazos. Nicole Else nicole@cryogenic.net

**Vortoj de "Lernu"** Plenigaĵo de paĝo

NEPRE

Adverbo, signifanta "en maniero neevitebla, neŝanĝebla":

Oni nepre devas manĝi por vivi.

Via partopreno estas nepra.

Ne necesas konvinki min pri la nepreco kaj taŭgeco de Esperanto.

Nepras, ke vi tuj venu!

Okazo de Olimpikaj Ludoj neprigis renovigon de la urbo.